# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj"
KONGRESA NUMERO Jaro 3 N-ro 3 (10) oktobro de 2004

## NOVAĴO

### La unua kunveno kun sukceso kaj espero

Mardo, la 27-a de julio, 2004, estis ordinara tago, sed neforgesebla tago al la kongresanoj de la 89-a UK okazinta en Ĉinio, kiuj interesis la projekton "Ĝemelaj Urboj", ĉar en la salono "Hujucz" okazis la unua kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" en la kadro de UEA de post ĝi funkciis en majo de 2002. Tiutage, je la 12:00-12:45, tempo de tagmeza manĝo, tamen la kunvenon ĉeestis pli ol 30 kongresanoj el Ĉinio, Francio, Germanio, Italio, Japanio, Koreio, Nederlando, Singapuro, Usono kaj Vjetnamio. S-ino Michela Lipari, la eks-estrarano de UEA pri landa agado faris varman paroladon, en kiu ŝi koncize resumis la naskiĝon kaj evoluon de la projekto en la pasinteco, s-ro Wu Guojiang laŭtlegis jaran raporton por 2003, s-ro Zhang Changsheng, prezidanto de Changzhou-urba Esperanto-Asocio (Ĉinio), s-ro Song Jingquan el Tianjin Esperanto-Asocio (Ĉinio), Ĉinio, s-ro Nakatu Masanori el Esperanto-Societo de Takatuki (Japanio), s-ro Le Thanh Thuoc, vic-prezidanto de Vjetnamia Esperanto-Asocio parolis pri tiukampa subjekto al la kunveno.

Bedaŭrinde multaj samideanoj pro la lima tempo difinita ne povis fari la paroladojn kvankam ili treege volis. La komisiito ne trovis tempon prezenti al la kunveno la proponojn kiujn anticipe sendis kelkaj esperantistoj, kiuj ne partoprenis la kongreso, kaj organizi la ĉeestintojn por diskuti la evoluon de la projekto. Certe ne naskiĝis la pria rezolucio de la kunveno. Ankaŭ bedaŭrinde la komisiito ne vidis kelkajn samideanojn kiuj preparis sin por la kunveno. Kompreneble la okupitaj s-ro Renato Corsetti, re-elektita prezidanto de UEA kaj s-ro Osmo Buller, ĝenerala direktoro de UEA, ne aperis en la kunvenejo.

Ĝojinde en la kunveno oni de s-ro HORI Yasuo, prezidanto de KAEM (Komisiono de Azia Esperanto-Movado) aŭdis la voĉon, kiu forte subtenis la projekto, oni vidis, ke s-ino Tan Xiuzhu, prezidanto de ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo) restis iom da tempo, kvankam ŝi siatempe estis tre okupita, la komisiito ricevis de s-ro Pieter Engwirda el Nederlando, s-ro Han Daozhu el Ĉinio, kaj s-ro Le Thanh Thuoc el Vjetnamio donacaĵojn, kiuj sufiĉe esprimis varman subtenon al la projekto.

Antaŭ la kunveno ĉiu ĉeestinto akiris n-ron. 2 Verda Stelo, trimonatan organon de LEA (Liaoning-provinca Esperanto Asocio, Ĉinio) , en kiu aperis n-ro 2 (9) Informilo de Ĝemelaj Urboj, reta revueto de UEA pri la projekto.

### Granda paŝo, nova komenco

Finiĝis la kunveno pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" de UEA, tamen sub la prizorgo kaj subtenado de la vastaj esperantistoj ni kuraĝe kaj sukcese faris la unuan paŝon, ankaŭ grandan paŝon kvankam nia laboro estis iuflanke ne kontentiga kaj alfrontis multajn malfacilaĵon. Tio markis, ke la projekto estis akceptita en Esperantujo, kaj vere fariĝis parto de la laboro de UEA. Mi elkore ĝojis kaj fieris pro la hodiaŭa rezulto.

En Pekina Deklaro de la 89-a UK oni legis, "ke sekve la internacia lingvo Esperanto pruvinte dum pli ol cent jaroj sian utilecon kaj praktikecon, meritas seriozan konsideron fare de internaciaj

organizaĵoj, ties membro-ŝtatoj kaj ĉiuj personoj kaj organizaĵoj de bona volo, kiuj respektas kaj deziras pacon kaj pacan kompreniĝon en egaleca etoso en nia hodiaŭa mondo." La projekto " Ĝemelaj Urboj" aldonas novan enhavon al la utileco kaj praktikeco de Esperanto, post pli ol du jaroj da funkciigo kaj praktikado ĝi estis pruvita, ke ĝi estas unu el la efikaj metodoj ne nur disvastigi kaj apliki nian lingvon, sed akceli interŝanĝon kaj kooperadon inter ĝemelurboj, kaj kompreniĝon inter tieaj popoloj. Ankaŭ ĝi favoras al la konscio de la ne-esperantaj kaj samaj organizaĵoj internaciaj pri la graveco de la Deklaro.

Rilate al la hodiaŭa progreso de la projekto mi kore dankas krom la entuziasmajn esperantistojn la malnovan estraron de UEA pro siaj faroj, kiuj antaŭenigis la projekton. El tio mi ja sentas, ke la malnova estraro estis solidareca kaj progresema kolektivo. Nun mi tiel kredas, ke la nova estraro tutkore subtenos la projekton, kaj sub ĝia gvido la projekto havos novan komencon kaj marŝos al pligranda sukceso. Ĝis revido en la dua kunveno! Ĝis revido en Vilnius en 2005! -----Wu Guojiang

## Novaj funkciuloj de la projekto

sekve de la naskiĝo de la nova estraro de UEA dum la kongreso ŝanĝis la funkciuloj de la projekto laŭ la originala propono. La nunaj funkciuloj estas s-ro Renato Corsetti (prezidanto), s-ino Maritza Gutierrez Gonzales (estrarano pri landa kaj regiona agado), s-ro Osmo Buller (ĝenerala direktoro) kaj s-ro Wu Guojiang (la komisiito). Ni kore dankas s-inon Michela Lipari pro sia kontribuo al la projekto. En la venonta numero aperos la salutvortoj de la komisiito al ŝi.

## La nova laborplano de KAEM kaj la projekto

En la kunsido de KAEM okazita en la salono Chun-Chan Yeh dum la kongreso ĉiu ĉeestinto posedis Jarlibron de KAEM kaj en ĝi legis la proponitan laborplanon de KAEM por 2004-2010. La agado "Ĝemelaj Urboj" fariĝis unu el la projektoj de KAEM realigi la celojn de la plano.

## En la komitatkunsido de UEA

Ĉar la komitatkunsido de UEA estis publika, la komisiito, kvankam li jam ne estis komitatano, kiel aŭskultinto povis ĉeesti ĝin je la 15h00-19h00, sabaton, la 24-an de julio. Diskutinte la parton "la faka agado" de Estrara Raporto 2003, s-ino Flory Witdoeckt el Belgio, proponis al la kunsido, ke ĉiuj bonvenigu la komisiiton paroli pri la projekto "Ĝemelaj Urboj", ĉar li jam venis al la kunsido. Post la permeso de la organizanto kaj la varma aplaŭdado la komsiito staris kaj diris: "Koran dankon, sed konsiderinte la liman tempon de la kunsido mi nur volas aŭskulti proponojn de ĉiu komitatano al la projekto". El tio la komisito siatempe sentis sin tre ĝoja kaj kontenta, ĉar la projekto jam estis en la koro de la komitatanoj.

## En la sinprezento de la nova UEA-Estraro

Ĵaŭde je la 9h00-10h30, la 29-an de Julio, en la salono Wensing la nova estraro de UEA aperis antaŭ la kongresanoj, post la sinprezento de la estraranoj kaj siaj respondecoj, la gvindantoj akceptis kaj respondis la demandojn elmetitajn de la ĉeestintoj. La komisiito direktis siajn du demandojn al ili: (1) Kiel la nova estraro allogis plimultajn personojn aliĝi al UEA por garantii la membrojn en la stabila kresko? (2) Kiel la nova estraro traktis la projekton "Ĝemelaj Urboj"? Teminte pri la dua demando, s-ro Renato Corsetti en sia respondo al la dua jesis la progreson de la projekto kaj akcentis, ke la programo estis interesa agado por akceli la disvastigon kaj utiligon de

Esperanto, kaj la nova estraro daŭrigis sian subtenon al ĉi tiu agado. Ĵus post finiĝo de la prezento, s-ro Mario Amadei el la urbo Bologna en Italio kaj tele-vidbendigis kaj intervjuis la komisiiton.

### La projekto en gazeto

1. Dum la 89-a UK la loka kongresa komitato entute eldonigis 8 numerojn da kuriero kaj la kroman paĝon. En n-ro 4, n-ro 5, n-ro 7 kaj n-ro 8 aperis kvar raportoj pri la projekto. Ili esti la plej multaj en la raportoj de ĉiu programo de la kongreso .

2. N-ro 4 (68), 2004, Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio (TEA) raportis la plezuran renkontiĝon inter la samideanoj de Tianjin kaj ĝiaj ĝemelurboj dum la kongreso. Ili estis s-ro Cho Sung Ho el Inchon en Koreio, s-ro AKADA Yoshihisa el Kobe eb Japanio kaj s-ro Paul Desaily el Melbourne en Aŭstralio. TEA interparolis pri la internacia interŝanĝo kaj kunlaboro inter la ĝemelurboj kun ili kaj aranĝis bankedon ilin gastigi.

3. En n-ro 3 Verda Stelo, 2004, organo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA), Ĉinio, legeblis Jara raporto de la projekto por 2003 prezentitan en la unua kunveno.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Jara raporto de la Projekto "Ĝemelaj Urboj" en 2003

Pli kaj pli da personoj scias la projekton "Ĝemelaj Urboj" de UEA en 2003. Kiel la estrara raporto 2002 diris, la projekto suplementis landan kaj regionan agadon. Ĝi estis en stabila disvolviĝo kvankam ĝi alfrontas multajn problemojn.

1. Kvar funkciuloj

Enkadre de UEA prezidanto, estrarano pri landa kaj regiona agado, ĝenerala direktoro de CO kaj komisiito nomumita en la estrara kunsido estas kvar funkciuloj de la projekto. En la pasinta jaro ili kune antaŭenirigis ĝin kiel eble plej pene. La prezidanto aktive kunordigis la koncernajn laborojn. La estrarano pene kolektis kaj peris informojn pri ĝemelaj urboj. La direktoro serioze kontrolis la retan revueton "Informilo de Ĝemelaj Urboj" kaj traktis tiujn problemojn kiuj bezonatis solvi. Garantiinte la ĝustatempan dissendon de "Informilo de Ĝemelaj Urboj" la komisiito klopodis por teni intiman kontakton kun la partoprenantoj kaj subtenantoj, kaj faris kontentigajn respondojn al la mesaĝoj el la esperantistoj.

2. Laborplano de la projekto

2.1 Reago

Ĝis la fino de la jaro 2003 la projekto entute ricevis reagojn de 97 esperantistoj el 33 landoj. 143 urboj aperis en la ricevitaj mesaĝoj. "Vekilo", la klubgazeto en Tampere regiono. Finnlando kaj "Esperanto en Azio", la bulteno de Komisiono de Azia Esperanto-Movado (KAEM), publikigis la laborplanon de la projekto. 12 gazetoj kaj 8 TTT-paĝoj raportis giajn agadojn*

2.2 Atingoj

En 2003 estis regule redaktitaj kaj rete dissenditaj kvar numeroj de Informilo de Ĝemelaj Urboj. La kvanto de la rektaj ricevintoj estis inter 1500 kaj 1700 en pli ol 80 landoj. Dank' al la laboro de s-ro SIBAYAMA Zyun'iti, prezidanto de Japana Esperanto-Instituto, la projekto havis sian specialan hejmpaĝon ĉe la TTT-ejo de KAEM. Nun en ĝi oni legeblas kvar numeroj (n-ro 1, n-ro

2, n-ro 3, n-ro 4) de Informilo de Ĝemelaj Urboj, tamen la postaj numeroj ankoraŭ ne aperis pro la okupiteco de s-ro Zyun'iti.

La Rigaj esperantistoj en Latvio intencis fari ion por la interŝanĝo inter la urbodomoj Rigo kaj ĝia ĝemela urbo Kobe en Japanio, kaj pretis sendi delegacion viziti la ĉinan ĝemelurbon Suzhou. Ili turnis la sopiron al la projekto de UEA. Ekde tio la komisiito komencis sian devon en nomo de UEA per la leteroj skribitaj sur la titolitaj paperoj kaj kovertoj de UEA. En oktobro s-ino Kaisa Hansen el Svedio prezentis detalan proponon pri loka kaj regiona kunlaboro inter la ĝemelaj urboj de Ĉinio kaj Svedio pere de Esperanto". La esperantistoj de la ĝemelaj urboj Changzhou en Ĉinio kaj Takatuki en Japanio ambaŭ festis la 15-jaran jubileon de la ĝemeliĝo inter du elementaj lernejoj Dongfang kaj Yosumi. En la kunvenoj pri landa kaj regiona agado dum la Gotenburga UK nemalmultaj kongresanoj aŭdis la parolon de s-ino Michela Lipari, unu el la kvar funkciuloj, pri la projekto. Dume la tri fakkunsidoj pri Azio prenis la movadon de la ĝemelaj urboj kaj kluboj kiel unu el la diskutaj temoj. Alie ni rimarkis, ke s-ro Michael Cwik aktive agadis por la projekto pere de la memsupereco, ke li laboras en Eŭropa Komisiono.

Informo-stoko estas plikompleta kaj pliriĉa. Post du jaroj, t.e. la 5-jara jubileo de la projekto estas preta eldoni la broŝuron enhavantajn diversajn informojn pri ĝemelaj urboj se UEA finance subtenus tiun ideon.

S-ino Sevdiye Katirciogu el Turkio speciale sendis 5 usonajn dolorojn kiel sendkotizon de la kopio de Informilo de Ĝemelaj Urboj.

Indas mencii, ke forpasis s-ro Lawrence Mee el Manchester en Britio kaj s-ro Wang Renhu el Shengyang en Ĉinio, du entuziasmaj subtenintoj de la projekto.

La funkciuloj komencis konsideri la okazon de la kunveno pri ĝemelaj urboj en la kadro de UEA kaj aktive preparis sin por ĝi.

2.3 legaĵoj ricevitaj

En la pasinta jaro la komisiito ricevis kelkajn gazetojn. Ili estas: Esperanto aktuell (esperanta kaj germana) kaj Verda Informilo senditaj de Werner Pfening el Germanio, Pontoj 7 (esperanta) redaktita kaj senditaj de s-ro Hans Fechler el Germanio, kaj Vekilo (esperanta) redaktitaj kaj senditaj de s-ro Veli Hamalainen el Finnlando, Esperanto en Azio presita kaj sendita de Japana Esperanto-Instituto, Esperanto Aktivas, Bulteno de Tianjin Esperanto-Asocio, Verda Spiko el la ĉinaj lokoj, ankaŭ reta revuo "BULTENO DE LA ALBANA ESPERANTO- INSTITUTO" el Albanio.

3. Problemoj

3.1 Bezonatas la papera revueto "Informilo de Ĝemelaj Urboj"

Konsiderante tion, ke la reta servo pli multe kostas ol la poŝta en kelkaj landoj, iom da legantoj deziris ricevi la paperan Informilo de Ĝemelaj Urboj, ekzemple, s-ro Eden Loubaki el Kongo proponis tion.

3.2 Estas nevasta la diskonigo de la projekto

Tio ĉi estas malnova problemo. La plej parto de la sciintoj pri la projekto baze estas esperantistoj aŭ Esperanto-organizaĵoj kun retadreso(j). Krome ajna respondo el Arabio ne venis al ni. Pro tio la informoj ĉe ni ne estas tiel sufiĉa, por ke oni libere kaj facile trovu ion kion li aŭ ŝi volas.

3.3 Mankas al la projekto rekta vojo al la samaj kaj neesperantaj organizaĵoj

La laboro de la projekto nelimiĝas en la kadro de UEA kvankam ĝi celas disvastigon kaj utiligon de Esperanto. Ĝia progreso en la perspektivo dependas ne nur de la partopreno de la vastaj esperantistoj, sed ankaŭ de la intensa kunlaboro kun la samaj kaj neesperantaj organizaĵoj, landaj aŭ internaciaj., ĉar tiuj organizaĵoj havas sukcesajn spertojn en multaj flankoj, ekz. kiel kontakti la instancojn, kiel trakti la rilatojn inter la instancoj, ktp. Ŝajne al la projekto mankas rekta vojo starigi kontakton kun tiuj organizaĵoj.

4. Solvoj proponataj

Pri la problemo en la sekcio 3.1 estas proponata, ke oni uzu internaciajn respondkuponojn, ĝenerale la sendokosto de ĉiu kopio bezonas du respondkuponojn, ĉar la kotizo de la alsendo jam pliiĝas en Ĉinio.

Pri la problemo en la sekcio 3.2 estas esperata, ke oni ofte aperigu la projekton kaj ĝiajn novaĵojn en lokaj gazetoj. Oni devas rimarki, ke la revuo Esperanto komencis fari tiel, kaj ni ja ricevis la respondojn. Ni havis fadenon per kiu ni probable kontakteblas iun E-klubon en Arabio.

Pri la problemo en la sekcio 3.3 estas instigata, ke oni kaptu ajnan ŝancon prezenti la projekton al la lokaj samaj organizaĵoj neesperantaj.

5. Pripenso al la laboro de 2004

a) okazigi la kunvenon pri ĝemelaj urboj dum UK;
b) instigi al esperantistoj traduki la projekton en diversajn lingvojn por akceli ĝin.
c) garantii la redaktadon kaj dissendon de Informilo de Ĝemelaj Urboj;
d) fari enketon por riĉigi la nunan informo-stokon;
e) provskribi publikan leteron al la urbestroj por gajni sufiĉan komprenon kaj subtenon al la projekto de UEA.
f) proponi, ke UEA konsideru la financan subtenon al la projekto, kaj minimume je kopiado kaj korespondado, ĉar la salajroj de la komisiito ne povas elspezi la kostojn se la korespondado (poŝta) kaj la kopioj pliiĝus.

(* la gazetoj kaj TTT-ejoj estis tiuj en la raportoj kaj mesaĝoj ricevitaj)

## Proponoj el Uzbekio

1. Ni devas kunlabori kun departamento de la urbestro, magistrato, respondanta pri la ĝemelaj aferoj interurbaj.
2. Ni devas peti taskojn de tie, dirinte pri niaj ebloj kaj kontaktoj interesprantistaj de la frataj urboj.
3. Ni prezentu la tradukitan jarraporton, kiujn ni ĉerpu el aranĝota prezento de la spertoj, jara raporto de la projekto por 2003, kaj diskutoj.
4. Ni petu de la esperantistoj de la ĝemeliĝintaj urboj proponojn de la kunlaboro kaj projektojn de tiuj realiĝoj.

La supremenciitajn proponojn al la unua kunveno mi ricevis de samideano Eugeno S. Perevertajlo el Uzbekio antaŭ la kongreso kaj preparis prezenti ilin al ĉiu ĉeestinto, sed kiel ĉiu jam sciis, bedaŭrinde kaj kompreneble pro la streĉa tempo difinita mi tute ne havis ŝancon efektivigi tion. Nun mi aperigas ilin en ĉi numero. Krome s-ro Perevertajlo ankoraŭ diris: “la projekto bezonegas la progreson. Tio estas eble la sola serioza projekto de uzado de Esperanto ekstermovade. Ni, la esperantistoj kun miro konstatas, ke nia lingvo ne estas vaste konata tra la

monda publiko. Kial? Ĉar ni malofte eliras al la publiko kun nia agado". kaj kore dankas s-ron Perevertajlo pro lia sincera faro al la projekto. ----la komisiito

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### Varma akcepto en Tianjin

La 21-an de julio, Komisiite de s-ino Chao Myeong Ja, malnova amiko de la korea ĝemelurbo Inchon, la ĉinaj samideanoj de TEA ĉe la nova ŝipkajo de Tianjin Haveno varme akceptis du koreajn esperantistojn, kaj akompanis ilin rondvojaĝi tra Tianjin kaj kune kun ili prenis trajnon al Pekino por la 89-a UK.

### Renkontiĝo amikeca

La 28-an de julio, ĝuinte la agrablan tuttagan ekskurson de la kongreso en iu ĉina restoracio s-ro Zhang Changsheng, s-ino Jin Mingxia kaj sia edzo Pan Yajiang el la ĉina urbo Changzhou speciale aranĝis bankedon por regali s-rojn Nakatu Masanori Oura Takesi kaj Hino Tatuo el la japana ĝemelurbo. Tia renkontiĝo estis la unua fojo por s-ro Pan, Oura kaj Hino. Dum la bankedo la samideanoj de la ambaŭ urboj libere parolis pri la pasintaj multjaroj da amikeco kaj senbride revis pri la estonta perspektivo de la ambaŭ Esperanto-organizaĵoj. Ili bedaŭris, ke s-ro Takeuti Yosikazu, plej amata kaj estimata de esperantistoj en du urboj, kaj iniciatinto ĝemeliginta la organizaĵojn, ne povis partopreni tiun ĉi kongreson pro la malsano. (* la titolo aldonita de la redaktoro, el la mesaĝo de s-ro Nakatu Masanori )

## SERVA PLATFORMO

### Nov-zelando/Ĉinio

Antaŭ kelkaj tagoj de la kongreso, por instigi esperantistojn en Xiamen, la ĉina ĝemelurbo de Wellington, Nov-zelando, partopreni en la ĝemelurba agado, s-ro Donald Rogers, sekretario de tiea Esperanto-Rondo, sendis al la komisiito mesaĝon, en kiu li diris, ke li esperis, ke pere de la komisiito serĉis ilin en la okazo, kvankam li ne povis ĝin partopreni. Helpe de s-ro Liu Zhengkun, prezidanto de LEA, en la halo de la kongresejo la komisiito trovis s-inon Guo Shaomei el Fujian-provinco, kiu povis starigi kontakton inter ili. Post la kongreso ŝi trovis kaj vizitis kelkajn samideanojn en Xiamen. Tio realigis la multjaran deziron de s-ro Rogers.

### Japanio/Ĉinio

Marde je 12h00-13h30, la 29-an de Julio, en la salono Hujucz, la okazejo de la kunsido nomata "Azia agado" de KAEM pri kulturo (publika-2). Kiam la komisiito eniris en la salonon kaj ĵus sidiĝis, lian atenton vekis papero algluita sur la glasa tabulo antaŭ la ĉeestintoj. Ĝi estis serĉ-anonco! Pri esperantistoj en ĝemelaj urboj! Finiĝinte la kunsidon la komisiito tuj venis al la anonco kaj sciiĝis, ke s-ro HARADA Hideki el la urbo Okayama serĉis esperantisojn el la ĉina ĝemelurbo Luoyang. Post serio da aranĝo de la komisiito s-ro HARADA finfine vidis s-ron Ji Feng, kongresano el Luoyang je la 18-a horo en la halo de la 1-a nivelo de la kongresejo. Antaŭ ilia renkontiĝo ili jam korespondis 20 jarojn. S-ro HARADA opiniis, ke la projekto estis grava por la E-movado kaj ĝemeliĝo inter urboj..

************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Ĝemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo

